# Citaĵoj

**Jen veraj 'perloj'** skribitaj de francaj bakalaŭruloj en la ekzameno de 2008 laŭ blogaĵo de Kreŝimir Barkoviĉ (Parisoserk) en la socia reto Ipernity...

La Mont Blanc estas je 4807 m super la maro, krom kiam la maro leviĝas.

Oni ne devas perforti nek mortigi ĉar tio provokas problemojn kun la leĝoj.

En la jaro 2020 ne plu estos sufiĉe da mono por pensioj ĉar la maljunuloj rifuzas morti.

Kiam oni bruligis ŝin (noto: Johaninon el Arko), la homoj sentis odoron de sankteco.



Milton estis alia granda verkisto. La verkis *La Paradizo*-n *Perdita*-n. Kaj tiam la edzino mortis. Li tiam verkis *La Paradizo*-n *Retrovita*-n.

Arkimedo estis la unua kiu pruvis, ke la bankuvo povas flosi. ⟶

La skribo estis inventita en Romo per egiptoj antaŭ cent jaroj.

Mitterand mortis pro kancero en la utero.

Infanoj ofte naskiĝas en malalta aĝo.

La cerbo havas tiel altajn kapablojn, ke hodiaŭ praktike ĉiuj havas unu.

Unu litro da akvo ĉe 20ºC plu unu litro da akvo ĉe 20ºC egalas al du litroj da akvo ĉe 40ºC.

Por haltigi germanojn, Francio konstruis la Muron de Berlino.

La falsaj ĝemeloj estas ĝemeloj kiuj ne estas de la sama patro.

*La Eta Princo* estis verkita de iu sanktulo: Exupéry.

Antaŭe Belgio nomiĝis Belga Kongo.

Virinoj ankaŭ produktas ovojn sed ne kiel verajn ovojn.

Se ovo ne instaliĝas en la utero, oni diras, ke temas pri ekstertera gravedeco. ●

# Juvenalo



En Malazio, propono de amendo al la Konstitucio alvenigita al la Parlamento prohibas, ke la viroj nomu siajn edzinojn 'malbelaj'.

# El la legantoj



**Oni elkore dankas** al ĉiuj kiuj sendis komentojn aŭ komentis aliloke pri la antaŭa numero de Jes Ja! **Lúcia Marder** (Karesema), el Porto Alegre, en sia blogo en Ipernity, verkis la jenon: 'Vere konsilinda informilo estas Jes Ja! Nia kara ipernitiano César Dorneles Soares redaktas ĝin kaj riĉplenigas ĝin kun interesaj novaĵoj. Miaopinie la plenenhavata paĝo de Jes Ja! estas pli interesa ol cent paĝoj de kelkaj libroj'. **Lúcio Castro**, el Viamão, RS, skribis la jenon: 'Mi forte kredas ke ĉiuj esperantistoj devas legi rekte esperante ĉar estas belega formo de praktiko de la lingvo.' 'Belajn novaĵojn pri ekologio rikoltis nia diligenta César en sia legin(en)da bulteno Jes Ja!" – skribis **Otto George Vaske** en sia bulteno Gisto – majo 2009. 'Dankon pro la sendo de via informilo. Mi tralegis ĝin kaj mi trovis ĝin bonega. Gratulon pro via laboro' – tiele manifestiĝis **José Martins Coelho**, el San-Paŭlo. 'Ĝi estas tre interesa, mi ŝatis kaj gratulas vin' – retmesaĝis **Neusa B. Brienze**, el Mirassol, SP. 'La 2an numeron de via ŝatata Jes Ja! Mi ricevis kaj kun granda plezuro mi legis. Ĝi estas vera enciklopedio de bonaj kaj utilaj novaĵoj' – skribis **Alberto Flores**, el Volta Redonda, RJ. **Néia Lúcia Souza**, el Braziljo, skribis: 'Ĝuinda! Ĉu estas specimenoj paperaj? Se jes, ĉu vi sendis al BEL?/ Se ne, faru tion – ni konservas la bultenaron en la biblioteko Carlos Domingues.' **Abel Sidney**, el Porto Velho, Rondonio, skribis: 'Bonege! Mi tre ŝatas vian informilon!' **Cindy McKee**, el Oklahomo, Usono, manifestiĝis jene: 'Dankon! Mi nun paŭzas de mia laboro kaj plezurlegas.' Same sendis dankmesaĝojn pri ricevo de la informilo **José Roberto Tenório da Silva** (San-Paŭlo, SP), kiel 1-a Sekretario de EASP, **Fabiano Henrique S. de Miranda** (Niterojo, RJ), **Vicente Paulo Werneck** (Volta Redonda, MG) kaj **Rubén Teofil Diaconu**, el Pres. Roque Sáenz Peña, Argentino. ●

**Jes Ja! – 1-a jarkolekto – N-ro 3**
**01/08/2009 – Porto Alegre, RS, Brazilo**
**Redaktas César Dorneles Soares - dorneles@ymail.com**
**Interesatoj ricevi la informilon perrete**
**bv. kontaktiĝi kun la redaktoro**

# jes ja!_03

**Porto Alegre | 01/08 - 14/09/09**
**Interreta versio al la tuta mondo**

**TEMPOTUNELO**

## *Redenção*: la plej longa dramserio en la televido



Antaŭa sukceso en la radio, far Raimundo Lopes, la dramserio *Redenção* (*Elaĉeto*) estis adaptita al la ekraneto danke al la antikva TV Excelsior, transformiĝante en tiel grandan televidan atrakcion, ke ĝi estis plilongigita al 596 ĉapitroj – inter majo 1966 kaj majo 1968! 'La dramserio baze havis du malsamajn partojn: la unuan, fokusante la misterojn kaj la dubojn rilataj al la karaktero de D-ro Fernando (Francisco Cuoco); kaj la duan, montrante la sekvestron de lia filo kaj la novajn fikciulojn kiuj alvenas al Redenção', informas la retejo Teledramaturgia. Krom Francisco Cuoco, protagonizis la aktorinoj Mírian Mehler (Ângela, en la unua parto) kaj Lurdinha Félix (Marta, en la dua parto). Mírian Mehler inkluzive ludis rolon antaŭnelonge en la etserio *Tudo Novo de Novo*, de televidreto Globo. Inter aliaj, la geaktoraro estis formita ankaŭ de Rodolfo Mayer, Procópio Ferreira, Fernanda Montenegro, Lourdes Rocha, Márcia Real, Lélia Abramo, Armando Bógus, Newton Prado, Geórgia Gomide e Maria Aparecida Baxter, kiu elstariĝis en la intrigo danke al sia rolo kiel S-inon Marocas, la klaĉemulinon de la urbeto. S-ino Marocas mortis en fino de la unua parto, sed pro la protestoj de la TV-spektantoj, ŝi estis 'revivigita' pere de iu kortransplanto farita de D-ro Fernando... ĉio por ke la dramserio ne perdu publikon. Laŭ Álvaro de Moya, *Redenção* havis la meriton 'elimini la mankon de sekureco kiun la realigantoj de dramserioj havis pri enkonduko de la ĉiutaga realeco al la ekrano. Ĝia sukceso estis unu el la decidaj faktoroj por la fino de la importado (kaj adaptado) de tekstoj de eksterlandaj dramserioj en nian televidon.' Krome, ĝi determinis la kreon de la unua urbo-scenejo en la brazila TV. ●

**+ Bakalaŭrulaj frazoj | Premonicioj | Sciencaj dogmoj**

# Pri io ajn

**En Moskvo,** iu preskaŭ 40jara viro volas refari kirurgon pri pligrandigo de la peniso, de 15cm al 25cm. Li plendis al la kuracistoj, ke la ŝanĝo ne estis bone akcepita de la virinoj. Iu nova kirurgo nur povos esti farata post 7-8 monatoj.

**Estis inaŭgurita** en Ateno la Nova Muzeo de la Akropolo (25 mil m2, US$ 175 milionoj, en kiu 2.800 jaroj da historio stariĝas antaŭ la okuloj de la vizitantoj. Diversaj landoj jam redonis al la grekoj siaj grekdevenajn relikvojn. Mankas parto de la marmoraj frisoj de la Partenono kiuj restas en la Brita Muzeo ekde 1816, havigita pere de simpla rabo. Britio rezistas redoni tion kio fakte ne apartenas al ĝi.

**Iu 34jara funkciulino** en la urbodomo de Criciúma, SC, estis unu el la viktimoj en la akcidento kun la aviadilo de Air France (flugitinero Rio-Parizo) en kiu mortis pli ol 200 homoj. En la antaŭa nokto, ŝia patrino havis premsonĝon. Ŝi sonĝis i.a. pri cerko, multe da akvo kaj insulo. Alia pasaĝero, 56jara, kredis, ke li ne havas multe da vivtempo. 'Mi sentas, ke mi ne plu havas multe da tempo ĉi tie', li konfidencis al amiko antaŭkelktage al la tragedio. 'Tio estas pro la fakto, ke vi iros al Eŭropo, vi timas pri la gripo de la porko' – replikis la amiko ŝerceme.

**Ekzistas proksimume** 100 milionoj da bakterioj en unu mililitro da salivo. En la buŝo vivas pli ol 600 malsamaj specioj de bakterioj.

**Kokain-restaĵoj** ĵus trovitaj en la rivero Tamizo kaj tute troveblaj en la atmosfero de la grandaj urbaj centroj en Eŭropo bone ekzempligas la grandon de la narkotikaĵ-merkato, kiu movos 300 miliardojn da dolaroj ĉijare.

**En Lucca,** en la toskana regiono de Italio, la urbokonsilantoj aprobis leĝon kiu malpermesas la ekziston de restoracioj kun turkaj, arabaj aŭ ĉinaj manĝaĵoj ĝuste por 'protekti la nacian kuirarton'. Estas bone memorigi aliflanke, ke la makaronio devenas el Ĉinio kaj la tomatoj, el Peruo...

**En Chent, Belgio,** la urbodomo, kun apogo de loka vegetarana organizaĵo, prohibis la konsumon de viando kaj fiŝoj al la siaj publikaj funkciuloj unutage po semajo: ĵaŭde. Ekde septembro la prohibo validos ankaŭ por la publikaj lernejoj sub la respondeceo de la municipo. Laŭ la urbestro Tom Balthazar, 'oni multe manĝas viandoj en Flandrio kaj tio damaĝas al nia sano. La enloĝantaro same estos stimulita manĝi malpli da viando. •

# E-Movado

**La 4-a Kongreso de Esperanto** de la Ŝtato San-Paŭlo okazos inter 10 k 12/10/09, en la urbo Bauru, SP. Pliaj informoj en www.easp.org.br.

**La 10-a Gaŭĉa Renkontiĝo** de Esperanto okazos en Porto Alegre inter 7-8/11/09.

**La 45-a Brazila Kongreso** de Esperanto okazos en Campo Grande, Mato Grosso do sul, venontjare en julio.

**Kunfratiĝa Kunveno** okazas en la dua sabato de la monato en GEA – Gaŭĉa E-Asocio. Je la 15h, paroliga rondo; je 16h, teotrinkado. Escepte en 08/08 oni okazigos balotadon por nova estraro de la institucio al la estrarperiodo 2009-2011.



**Verda Kafo,** la plej tradicia E-aranĝo en Rio Grande do Sul, atendas vin por neformala babilado en E-o ĉiam en la lasta sabato de la monato, je la 16h, en Tutty's – drinkejo-restoracio ĉe Av. Independência, 30, fronte al Santa Casa de Misericórdia.

**Dum pint-kunveno** de la t.n. anglalingve BRIC (Brazilo, Rusio, Barato kaj Ĉinio) realigita en la rusa urbo Yekaterinburg en junio, Universala E-Asocio dokumentproponis al la gvidantoj de la kvar landoj la adopton de Esperanto kiel ilon por internacia komunikado.

**Okaze de la 4-a UK** en Dresdeno, Germanio, grupo da francaj E-istoj proponis la fondon de iu neŭtrala ŝtato kies oficiala lingvo estos Esperanto. Oni pensis pri Moresne, iu regiono (3,5 km2) situata inter la landlimoj de Belgio, Nederlando kaj Germanio kiu estis neŭtrala kaj apartenis al neniu lando ekde la Traktado de Vieno (1815). La nova ŝtato nomiĝus Amikejo. Sed eksplodis la 1-a Granda Milito kaj fine Moresnet estis aneksita al Belgio. Eĉ himno kaj flago estis kreitaj por Amikejo...

**Portalo al esperantaj** periodaĵoj pere de PDF-formato troveblas en www.gazetejo.com.



**Bona alternativo** por spekti videofilmetojn en E-o troveblas en http://tvbialystok.pl/tvesperanto/.

**Novaĵoj** pri UEA-Universala E-Asocio kaj TEJO-Tutmonda Esperantista Junulara Organizo en www.youtube.com/ueaviva/.

**Bulteno *Komunikoj,*** de Spiritista Societo Lorenz povas esti ret-legata en http://www.editoralorenz.com/komunikoj.html. •

# Opinias



**>>> César Dorneles Soares**

**Artikolo de la brazila** astrofizikisto Marcelo Gleiser publikigita en la revuo Galileu en decembro 2008 havanta kiel titolon *Ciência e espiritualidade: um breve manifesto* (*Scienco kaj spitituaeco: iu mallonga manifesto*) konstituiĝas en bedaŭrinda ekzemplo de tiu kiun jam de longa tempo oni diras: la Scienco kreis siajn proprajn dogmojn, nediskuteblajn, fruktojn, mi pensas, el la aroganteco kaj orgojlo kiuj karakterizas multajn de siaj sciencistoj-sacerdotoj.

Ni vidu kelkajn asertojn, kiel ekzemploj, de la klera artikolisto...:

- "La malĝoja afero estas tio, ke tiuj kiuj estas konvinkitaj pri la ekzisteco de tiu spirita dimensio fermas la okulojn al tiu kiun la scienco montras" (tio estas, ke ĉio finiĝas per la morto de la fizika korpo).

- "Se la alternativo estas pensi, ke ĉio tio estos malsimila en la 'transmondo', ke nekonataj fortoj regas niajn vivojn kaj povas esti kontrolataj de mistikaj kredoj, ĝi ŝajnigas al mi krei iun socion kiu ne frontas la defiojn kiujn ĝi havas antaŭ si, kaŝiĝantaj en la promesojn de iu neinvestigebla kaj neekzistanta mondo (substreko mia)."

Nu bone, ke la mondo surstrate kredas neniel pri la eblo ekzisti ion krom la materia vivo, tio estas rajto lia, konsiderante liajn personajn kaj respektindajn konvinkojn. Aliflanke, ne ŝajnas al mi, ke iu reprezentanto de la Scienco, kiu sin prezentas kiel objektiva kaj senpartia, rajtindas havi iun starpunkton fine kontraŭsciencan: nei anticipe ion kion ties reduktemaj esplormetodoj ne akgnoskas kiel eblajn laŭ realeco.

Humilecon, sinjoroj! La propra Kvantuma Fiziko jam komencas alproksimigi la Sciencon al malnovaj kaj miljaroj konceptoj kun filozifi-religiaj trajtoj, iu paŝo antaŭen por la disfalo de la blindaj materiistaj dogmoj.

**Pri politiko:** komisiono de etiko de la vulpoj ekzamenos denuncojn el la kokinejo. •

www.ipernity.com/cesar.dorneles

*Pli ol 36 mil vizitoj al la paĝaro – 20 mil al la blogo*